# Ateismo

Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo

http://www.gazetoteko.com/ateo/



Nº 18

Junion de 2014

# Vorto de la redaktoro

Kutime mi finas mian redaktoran taskon per redaktado de tiu ĉi enkonduko de nia bulteno. Ĝuste tiam mi ricevis hejme kaj tralegis la lastan numeron de *La Raison* (La Racio), ĉiumonata magazino de la franca Liberpenso, kaj mi estas impresita konstati kiom da situacioj evoluas en la mondo rilate al la batalo kontraŭ la religia malklero, same pro ĝia entrudiĝo en la publikan rondon kaj en la aferojn de la ŝtatoj, kiel pro ĝia interveno kontraŭ la individuaj liberecoj. En la paĝoj 2 kaj 3 de tiu magazino, laŭ kvin artikoloj pri kvin landoj (Luksemburgio, Bolivio, Britujo, Irlando kaj Usono), prezentiĝas kvin ege malsamaj situacioj, sed ĉiufoje problemo pro fiagoj aŭ prem-influo de iuj eklezioj kontraŭ la normala evoluo de la socio, kontraŭ la moderniĝo de la moro kaj de la vivo ĝenerale. Multaj paŝoj antaŭen, bedaŭrinde kelkaj malantaŭen.

Koncerne Bolivion, pri kiu ni antaŭ kelkaj jaroj kun granda ĝojo eksciis ke disigo de la Ŝtato kaj de la Eklezioj estis oficialigita, ĉifoje iu Konstitucia Kortumo rifuzis la leĝon pri la aborto-rajto proponitan kaj de deputitoj de la partio de la Prezidento Evo Morales kaj de feministaj asocioj en junio 2013. Plian fojon, kontraŭis la iniciation ĉefe la Eklezioj kaj kelkaj apudaj premgrupoj.

Tiu nova numero de nia bulteno verŝajne kontribuos, eĉ se modeste (ve, artikoloj venas ĉefe de kelkaj landoj), al montro de tiu monda diverseco tra niaj ateismaj vidpunktoj.

Dankon al la kontribuintoj, kaj bonan legadon.

*Christian Rivière (Francujo)*

# La prezidanto sin prezentas

**Ekde somero 2013 mi estas prezidanto de ATEO. La organizo de la Esperantistoj, kiuj agas ekster la pli multnombraj religiaj organizoj, estas malmulte konata.**

Estis periodoj en mia vivo, kiam mi regule, por ne diri akurate partoprenis diservojn kaj mi eĉ planis studi teologion kun la celo labori kiel pastro. Sed la sorto havis aliajn planojn pri mi, kaj finfine en 2014 la membroj de ATEO elektis min kiel prezidanton.
En kvar jardekoj okazis iuj ŝanĝoj en mia percepto de la religio kaj de la mondo. Teologio nur estas mia dua opcio en la elekto de studloko kaj mi ricevis la permeson studi ĥemion.

Subite mi estis en vigla maldekstra medio, kiun mi ne konis el mia provinca urbeto, kie la du grandaj eklezioj estis la centro de la kultura vivo.

Mi studis la verkojn de Karl Marx kaj Friedrich Engels kun ilia profunda kritiko de ĉiuj aspektoj de la burĝa socio. Sed mi neniam estis sen kontakto al kristanoj. En la batalo kontraŭ la atomarmiloj ni bone kunlaboris kun la anoj de la kristanaj paroĥoj kaj vigle diskutadis dum longaj noktoj.

Sed restis la problemo, ke la funkciuloj de la eklezioj benis la armilojn dum preskaŭ ĉiu milito, dum la simplaj kredantoj varbis por la mesaĝo de paco. Kiam mi intencis rifuzi la militservon mi ne povis uzi la facilan kaj akceptatan vojon de la religio, sed mi devis prezenti individuan, eksterreligian ideon. Post rifuzo en la unua fazo — kaŭzita de militema kristan-demokrata komisionestro kaj de mia stulteco — mi sukcesis finfine, ĉar la komisiono pretis akcepti mian konvinkon, inspiritan de Old Shatterhand, figuro el la verkoj de Karl May (ne Marx!), kiu evitas mortigi siajn malamikojn kaj finfine sukcesas konvinki sian indianan amikon Winnetou.

Dum la postaj jaroj, mi pliprofundigis miajn konojn pri la diversaj religioj per la studado de libroj kaj diskutoj. Fakte en Berlin ni estas ne nur en la ĉefurbo de Germanujo, sed ankaŭ en la ĉefurbo de la paganoj. La influo kaj la membraro de la plej multaj religiaj organizoj malkreskas konstante, la grandegaj preĝejoj estas malplenaj. Unu el miaj plej fruaj kontribuoj en *Monato* temis pri la plano vendi preĝejon en mia kvartalo. Personoj, kiuj aktive praktikas religion estas maloftaj inter miaj familianoj, amikoj kaj kolegoj. Eĉ inter la kreskanta nombro de islamanoj rapide malaperas la emo praktiki la tradicion de la gepatroj.

Aliflanke la preteco montri sian malŝaton al religioj en organizita formo estas malgranda. En Germanujo, kiel en Esperantujo. Sed en Germanujo okazis dum la lastaj jaroj plijuniĝo de la organizoj, kies membroj tradicie aperas sub nomoj kiel liberpensuloj aŭ intertempe humanistoj. Ili sukcese atakas la monopolon de la religioj pri etikaj demandoj.

Per provokaj agadoj ili sukcesas altiri la intereson de la amaskomunikiloj kaj de la publiko. Ekzemple en Germanujo ekzistas leĝo, kiu malpermesas danci dum Sankta Vendredo antaŭ Pasko. Por protesti kontraŭ la influo de la eklezioj oni organizas publikajn festojn, kiuj rompas la leĝon.

Tre sukcesa estis infanlibro kun multaj desegnoj en kiu porkido kaj eta erinaco provas trovi Dion. Mi iomete

subtenis la Esperanto-kulturon per teknika helpo al la projekto traduki la konatan libron kaj eldoni ĝin en perfekta maniero. Kelkcent ekzempleroj vendiĝis tutmonde dum malmultaj jaroj, kaj en diversaj landoj oni ekkonis la verkon nur per la Esperanto-versio kaj nun tradukas ĝin al nacia lingvo.

Mi estas konvinkita, ke moderna ateismo, agnostikismo, liberpenso, humanismo ktp, povas trovi grandan subtenon en Esperantujo kaj mi pretas helpi al la realigo de ĉi tiu granda celo. Ni ankoraŭ estas nur manpleno da aktivuloj en nia organizo ATEO, sed glora estonteco estas antaŭ ni.

*Roland Schnell*

# La libereco NE kredi

Homoj estas interesaj estaĵoj, ankaŭ strangaj, de tempo al tempo bizaraj. Homoj ofte pensas, ofte ne pensas aŭ tro pigras por pensi, sed ĉiu homo havas opinion, kaj strange, li aŭ ŝi, plej ofte li laŭ mia supozo, apenaŭ povas akcepti ke alia homo havas alian opinion.

Estas preskaŭ universala monda kutimo, kiam naskiĝas nova homo, ke la gepatroj alkondukas la infanojn ĉe unu aŭ alia kredo.

La infano ne plu estas memstara individuo sed dank' al decido de la gepatroj ĝi apartenas al iu kredo, aŭ foje, al iu politika koncepto.

Katolikoj aŭ homoj kiuj apartenas al kulturo kie katolikismo estas la plej grava kredo, iras al preĵejo kaj petas al pastro ke li baptu la infanon, tiel zorgante ke la infano post ekmorto ne tuj iros al infero. Homoj parolas pri dioj kiuj ofte estas malagrablaj personoj — la dioj — kiuj punas homojn kiam ili ne vivas laŭ diaj ordonoj. Nura problemo estas ke ĝis nun, neniu homo jam parolis rekte kun iu dio. Ho jes, estas infanoj, plej ofte virinetoj kiuj jam parolis kun sankta virgulino kaj tiu okazaĵo helpas la komercon, ĉar la loko fariĝas sankta kaj miloj da homoj venas por viziti la lokon kie aperis la sankta virgulino.

Dum la historio de la homaro, la kredo, la eklezio, la Mohamedoj, Jehovoj, Dioj ktp, certe helpis potenculojn en subpremo de la plebanaro. Pastroj kaj papoj, rabenoj kaj aliaj gvidantoj de kredoj, cerbolavadis junajn homojn pri la danĝero de vivo sen Dio.

Ni, la homoj devas respekti kaj kredi. Respekti la mensogojn kaj manipuladojn de la gvidantoj de malsamaj kredoj kaj kredi pri ekzisto de ununura Dio.

Ĉu kleraj sciencistoj jam faris studojn pri la damaĝo kiun kredoj

donas al la vivo de junaj homoj ? Ĉu oni jam studis kiel longe daŭras, antaŭ ol cerbolavitaj infanoj povas forigi el sia menso la timon pri Dio aŭ la ekziston de iu dio ?

Plej freneze estas ke la alportantoj de fantaziaĵoj ricevas subvencion de la ŝtatoj. Plej verŝajne ĉar la ŝtato rekonas en la kredo subtenantojn de la projekto submeti homojn al scenaro, kiun li aŭ ŝi metis ĉirkaŭ propran menson.

Feliĉe ekzistas aliaj homoj. Homoj kiuj ne konfuzas la proprajn idojn kun ideoj pri diabloj kaj dioj. Homoj kiuj klopodas doni al la infanoj la liberecon de la scienca esplorado. La libereco diskuti pri la vivo, sen ke iu fortimigas la grupon per rakontoj pri inferoj.

Tiuj homoj ne devigas la infanon surmeti ĉapeleton, aŭ vualon, burkon. Tiuj infanoj ne devas surgenui antaŭ bildoj de imagitaj sanktuloj. Nek devas iri al sanktaj lokoj.

Kiu kreis la potencon de la mensogo ? Kiu subtenas la potencon de la mensogo ? Kial kleraj homoj, saĝaj homoj akceptas ke kredoj ludas politikan kaj publikan rolon en socio ?

Ekzistas pli inter ĉielo kaj tero ol homoj povas imagi ! Jes tio estas vero, sed nia malkapablo kompreni ĉiun enigmon de la vivo, de la naturo, ne donas al ni la rajton subpremi aliajn homojn per fantaziaĵoj pri dioj kaj aliaj frenezaĵoj kies sola celo estas regi la homojn, regi la homaron.

Kiel liberpensulo, mi respektas la privatan vivon de ĉiuj homoj. Ĉu ili kredas je dioj, aŭ je aliaj sistemoj kiuj katenas la liberecon de homoj, sed ĉu eblas plu teni la privatajn sensencaĵojn privataj ?

Kiam iuj homoj havas la liberecon kredi je dioj, la liberpensulo devas havi la saman rajton, saĝe baziĝi je faktoj kaj sciencaj veroj de la hodiaŭa tago. Bedaŭrinde ofte fanatikaj kredantoj ne akceptas ke estas saĝaj homoj kiuj preferas baziĝi je scienca esploro kaj ne je dioj.

Estu libera kredi je dioj, lasu al mi la liberecon kredi je faktoj.

*Jakvo Schram (Belgujo)*

# Dimanĉaj ateistaj fideluloj

Nekredemo sin organizas, kaj, eĉ se oni havas neniun dion, oni tamen rajtas havi komunuman lokon. Ekiĝinta antaŭ apenaŭ unu jaro en Londono (Britio), laŭ la volo de paro de komikartistoj, Pippa Evans kaj Sanderson Jones, la Dimanĉa

Asembleo (Sunday Assembly) de tiam disvolviĝis. Kantoj, predikoj kaj monkolekto, la programo strange similas al tiu de kristana preĝejo, escepte ke ĉi tie neniu venas por preĝi al dio nek por plorpeti lian pardonon. « Pli bone vivi, ofte helpi kaj pli ofte ĝojmiri » estas la moto de tiu nova ateista kulto. La koncepto rapide eksportiĝis en aliajn britajn urbojn, en Usonon, en Kanadon, en Aŭstralion, kaj baldaŭ alvenos en Francion. Ateista eklezio estas hodiaŭ tiu, kiu prezentas la plej altan kreskadon en la mondo, sen ajna dia helpo. Religiaj sektoj kutime uzas pli-malpli agreseman propagandon, dum nekredantoj sin organizas por esti pli bone konataj. Ilia « profeto » klarigas la sukceson de la Dimanĉaj Asembleoj per la bezono de ateistoj sin sociigi. Laŭ li, neniel necesas forpeli religian koncepton, kiu instigas al bonfaro kaj al deziro pliboniĝi, kvankam ne kredante en iu neekzistanta dio. (informo trovita en *Charlie-Hebdo* n°1129, de la 5a de februaro 2014).

Tiu iniciato metas en lumon iun gravan punkton por ateistoj : ne nur Asembleojn ili bezonas, sed eltrovotajn ceremoniojn por ĉiuj gravaj eventoj de la vivo : naskiĝo, funebraĵoj ktp, kaj lokojn por ĉio ĉi.

En iuj landoj, kia Francio, ekzistas respublikaj solenaĵoj (« respublika bapto » ktp). Sed ateismo kaj respublikismo ne devige estas la sama afero ...

Kiam oni ĉeestis nereligiajn funebraĵojn, kiuj okazis ekstere, foje sub la pluvo aŭ en malvarmo, oni forte sopiras al la starigo de urba aŭ asocia ĉambro, en kiu ilin okazigi.

Jen ideo por diskuti dum « dimanĉaj asembleoj ». Ni tamen memoru, ke en tro multnombraj landoj, nekredemo plu restas krimo ...

*Janine Dumoulin ( Francujo)*

# Ĉu vualiĝi aŭ ne vualiĝi ?

Kiel sekretario de ATEO mi estas membro de sekulara eŭropa diskutlisto en Interreto. Tio estas listo por aktivuloj en diversaj eŭropaj ateismaj, liberpensaj kaj aliaj progresemaj asocioj. Ĝi havas ioman lingvoproblemon, ĉar la diskutoj okazas ĉefe en la angla, foje en la franca, kaj nur malofte aperas komentoj aŭ dokumentoj ankaŭ en aliaj lingvoj.

En marto aperis en tiu listo indigna komento de franca feministino, prezidanto de Ligo por la internaciaj rajtoj de virinoj, pro vizito de la eŭropa reprezentanto pri eksteraj aferoj al Teherano. Tiu reprezentanto

estas virino, Catherine Ashton, kaj dum sia vizito al Irano ŝi ŝokis feministojn, ĉar ŝi portis kaptukon, same kiel devige faras iranaj virinoj.

En la sekulara diskutlisto aperis malfermita letero adresita al Eŭropa Unio kaj al Eŭropa Konsilantaro por protesti kontraŭ la fakto, ke Catherine Ashton portis kaptukon ĉe la gazetara konferenco, kiun ŝi partoprenis en Teherano kune kun la prezidanto de Irano, Hassan Rouhani. Laŭ la letero : "Farante tion, ŝi senhonte submetiĝis al maljusta leĝo, kiu ekde 1979 devigas ĉiujn iranajn virinojn kaŝi sian korpon sub peza amaso da ŝtofo, kaj tiel kaŭzis seriozan malutilon al la dekoj da miloj de virinoj de tiu lando, kiuj endanĝerigis sian propran vivon per manifestaciado en la stratoj de Teherano."

Catherine Ashton kun la vualo



Membroj de la listo estis invititaj subskribi tiun proteston nome de la asocioj, kiujn ili reprezentas. Dum la unuaj tagoj, pluraj asocioj subskribis la protestleteron, sed en la tria tago komencis aperi alia vidpunkto.

Laŭ artikolo en la brita ĵurnalo *Guardian*, dum sia vizito al Irano Ashton kolerigis tiulandajn konservativulojn per renkontiĝo en la 8a de marto (Internacia Virina Tago) kun grupo de ses iranaj virinoj, kiuj aktivas por virinaj rajtoj. La kunveno okazis sen la aprobo de la irana registaro ĉe la aŭstra ambasadejo. La eksterlanda ministrejo poste protestis kontraŭ la ago de Ashton, kaj akuzis ŝin pri enmiksiĝo en la internaj aferoj de la ŝtato.

En la sekulara listo okazis vigla diskuto inter la du vidpunktoj. Ĉu Ashton devus rifuzi porti la vualon, aŭ ĉu pli gravas la fakto, ke ŝi renkontiĝis kun iranaj aktivulinoj ? Ĉu pli gravas la simbolo aŭ la ago ? Ĝenerale, por la francoj plej gravis la principo (ke ŝi

ne devus konsenti porti la vualon), dum la britoj emis vidi la aferon pli praktike (ke dum negocado, oni evitu nenecese ofendi la alian partion).

Dum la eŭropaj partoprenantoj en tiu diskuto esprimis tre fortajn opiniojn por unu flanko aŭ la alia, estis rimarkinde, ke neniu el ili eĉ pensis malkovri la opinion de la iranaj virinoj mem pri la fakto, ke Ashton decidis porti vualon. Verŝajne el la aktivuloj en tiu diskutlisto, nur mi kiel esperantisto regule parolas kun irananoj kaj havus eblon peti ilian opinion pri tia afero.

*Anna Lowenstein (Italujo)*

## Li volas forviŝi la registradon de sia bapto

Forviŝo de bapto estos juĝata venontan mardon en apelacio en Caen (nordokcidenta urbo de Francujo).

***La Apelacia kortumo de Caen ekzamenos tiun peton de « malbaptado » venontan mardon. La tribunalo de Coutances akceptis la forviŝon el registrujo de la Eklezio.***

La civila tribunalo de Coutances tiel verdiktis. Unuafoje en Francujo. La 6an de oktobro 2011, René Lebouvier, iu liberpensulo de la departemento Manche 71-jara, estis pravigita per la kondamno de la episkopo Stanislas Lalanne.

La justico ordonis al la episkopo de la diocezo de Coutances kaj de Avranches akcepti lian malbaptadon kaj **« definitive forviŝi ĉiun mencion pri lia bapto »**.

**Kontraŭa al la respekto de la privata vivo**

La super-instanca tribunalo antaŭe opiniis ke la enesto de la nomo de la sepdekjarulo en bapto-registrujo — konsultebla de la publiko — malkongruas kun la principoj kiuj garantias la privatan vivon.

**« La fakto esti baptita de la katolika Eklezio estas intima evento kiu konsistigas personan informon pri individuo »**, skribis la juĝistoj.

La emerita panfaristo batalas de jaroj. Li unue turnis sin al CNIL (Nacia Komisiono pri Komputiko kaj Libereco).



Asertante ke li « **neniel koleras kontraŭ tiuj di-kredantaj** », sed ke li estas incitita de la sinteno de la Eklezio, li petis sian malbaptadon en 2001. En tiu okazo, nur la mencio « **malagnoskis sian bapton per datita letero** » estas marĝene notita apud la nomo troviĝanta sur la paroĥaj kaj diocezaj registrujoj.

**Leĝo de disigo de la Eklezio kaj de la Ŝtato**

La diocezo apelaciis pri la decido de la tribunalo de Coutances. Por la episkopo, la bapto estas « **objektiva fakto el kiu ne eblas dedukti ies religian apartenon, kiam ĝi estis atribuata en junaĝo** ». Li cetere invokas la leĝon de 1905 pri la disigo de la Eklezio kaj de la Ŝtato.

Tiu afero verŝajne estos reekzaminata venontan mardon en Caen. Ĉeestos la vic-prezidanto de la nacia Federacio de la Liberpenso, asocio de defendo de la laikeco (4000 membroj) kies membro estas René Lebouvier.

*el Ouest-France, la 28an de majo 2013*

*komunikis Jackie Huberdeau*

*tradukis Christian Rivière*

# Impresoj de novulo el Germanio

Nur tiun ĉi jaron mi aliĝis al ATEO, post instigo de amikino, kiu jam delonge membras. El la reto mi havigis al mi du numerojn de la bulteno «Ateismo» kaj legis ilin kun intereso.

Mia ĉefa impreso estas, ke por pluraj ateistoj skribantaj tie ĉi ateismo estas doktrino de konsekvenca racieco, kiu estas disvastigenda por la feliĉo de la homaro. *« Ĉu tro stulta por kompreni sciencon ?»* estis slogano sur la titolpaĝo de la oktobra numero de 2013. Kelkaj skribantoj do ŝajnas voli propagandi ateismon kun preskaŭ misia fervoro, kvazaŭ ĝi estus la plej bona de ĉiuj religioj ... dum por mi esti ateisto signifas esti *senreligia*. Mi ne kredas, ke la homoj, se ili nur pretus racie pensi kaj pritaksi argumentojn, tuj dirus ke dio ne ekzistas. La motivoj, pro kiuj homoj sin dediĉas al religioj, estas psikologie komplikaj, kaj ankaŭ la psikologiaj fonoj de ateismaj konvinkoj tre varias. Betrand Russell, la konata Brita filozofo kaj matematikisto, en 1957 aperigis libron kun la titolo : « Why I am not a Christian » (« Kial mi ne estas Kristano »). En tiu libro li interalie konstatas, ke inter ateistoj ekzistas tre malsamaj tipoj. Laŭ li ekskatoliko havas tute alian « ateisman sintenon » ol eksprotestanto (bedaŭrinde li nenion skribis pri eksislamano – eble tian ateiston li ne konis).

Certe en ateisma bulteno la komunumo de la legantaro okaze ankaŭ devas kuraĝigi unu la alian pri

la komuna konvinko, sed ĝuste en tiu cirklo la trafaj argumentoj ja estas pli-malpli konataj. Laŭ mi estas multe pli grave por ni senreligiuloj kompreni, kiaj estas la ĉefaj motivoj por religiemo. Mi estas konvinkita, cetere, ke la plej multaj homoj iel scias, ke dio aŭ dioj ne vere ekzistas, sed ke tiun ĉi *veron* ili ne volas aŭ ne povas elteni. Mi iom okupiĝis pri la historio de la antikveco, kaj mi opinias, ke granda ŝanĝo en la religia sinteno de la homoj loĝantaj ĉirkaŭ la orienta mediteraneo okazis en la dua kaj unua jarcentoj antaŭ Kristo. Mi intencas verki artikoleton pri tio ; ĝi tuŝos ankaŭ la demandon, kiel « Kristanismo » povis venki sian konkurantaron (ĉefe la misterajn kultojn, ne la « klasikan » politeismon). Mi estas certa ke el tio rezultos instigoj iom mediti pri motivoj por religia sindono.

Alia impreso mia estis, ke diversaj artikoloj en « Ateismo » kritike pritraktas la situacion ĝuste en Francio. Certe estas strangaĵo, ke laika ŝtato tamen subtenas la katolikan eklezion pagante monon por la konservado kaj riparado de preĝejoj. Mi ja opinias, ke pro kulturaj kaŭzoj tiaj konstruaĵoj estas konservindaj, sed se la eklezio ne havas sufiĉe da mono por tio, ĝi transdonu (aŭ vendu) la ejojn al la ŝtato. Tiam la ŝtato responsos pri konservado, sed ricevos lupagon de la eklezio por uzado de la preĝejoj. Sed ĝenerale ŝajnas al mi, ke tiurilate Francoj plendas el tre komforta situacio. Ĉu en tiu ĉi bulteno iam estis prezentita la situacio en Germanio ? Germanio definitive *ne* estas laika ŝtato. Tio jam montriĝas en la « Baza Leĝo » (konstitucio de la Federacia Respubliko de Germanio). La antaŭparolo komenciĝas : « Response antaŭ Dio kaj la homoj... ». Kaj, praktike pli grave, dio ankaŭ fantomas en konstitucioj de la (federacianaj) "landeroj", kiuj organizas la lernejan instruon. Ekzemple la konstitucio de Nordrejn-Vestfalio (plej granda "landero" laŭ nombro de enloĝantoj) diras (art.7) : « Adoremo [Ehrfurcht] antaŭ Dio kaj respekto [Achtung] antaŭ la digneco de la homo kaj preteco al sociema agado estas la plej elstaraj celoj de la edukado. »

En Germanio eklezianoj estas oficiale registrataj, kaj eksiĝo estas burokratia ago ĉe ofico aŭ eĉ kortumo (depende de la leĝoj de la "landero"). Praktika konsekvenco estas, ke la eklezioj oficiale ricevas eklezian imposton de ĉiu el siaj anoj. Tiun imposton, normale 10 % de la oficiala enspeza imposto, la eklezioj aŭtomate enkasigas de salajritoj per la financ-oficoj. Memstaraj entreprenistoj, kiuj mem deklaras siajn enspezojn, laŭdire eble havas la bonŝancon iom marĉandi, sed neniel dungitoj kun fiksaj salajroj. Spite al tio tre multaj episkopoj kaj altaj eklezaj funkciuloj ricevas siajn (tre komfortajn) salajrojn

el ŝtata buĝeto – laŭ iuj interŝtataj kontraktoj ("konkordatoj") de 1924, 1929 kaj 1933, kiuj pli-malpli plu validas, sed ne estas tre konataj publike. Al tiuj pagoj do kontribuas ĉiuj civitanoj, ne nur la eklezianoj. Laŭ fidinda taksado (C. Freck : « Violettbuch Kirchenfinanzen » [« violkolora libro de ekleziaj financoj »] 2010) la Germanaj ŝtatoj (federacio kaj "landeroj") tiamaniere pagas al la eklezioj proksimume dudek miliardojn da eŭroj ĉiun jaron – en tiu sumo *ne* estas inkluzivitaj ŝtataj pagoj por ekleziaj hospitaloj kaj sociaj institucioj. Pli precizaj informoj apenaŭ haveblas, ĉar la plej multaj episkopejoj rifuzas publikigi siajn buĝetojn detale.

Krome la eklezioj havas iujn rajtojn kaj influ-eblecojn rilate al la religia instruo en la lernejoj. "Religio" estas normala instrufako, ankaŭ en ŝtataj lernejoj. Sen eklezia permeso neniu instruisto rajtas instrui en tiu fako, kaj la eklezioj kontrolas la enhavojn. Nur ĉar pli kaj pli da gepatroj anoncas eliron de siaj gefiloj el tiu instruo, la « landeroj » instalis la fakon "etiko" (aŭ "praktika filozofio") kiel alternativon.

Apenaŭ ekzistas politikaj tendencoj ŝanĝi tiun juran staton. Okaze la socialdemokrata partio riskas promesi, ke ĝi klopodos aliigi la menciitajn interŝtatajn kontraktojn, sed praktike nenio okazis ĝis nun. Tiudirektaj aktivoj unue estus komplikaj kaj due ne esperigas pri multaj voĉoj en estontaj elektoj – eble eĉ male. La psika influo de la eklezioj ne estas neglektinda, kaj krome multaj civitanoj, ankaŭ "nekredantoj", kredas, ke per la mono la eklezioj zorgas pri dezirinda socia harmonio kaj ĝenerala bonfarto.

*Winfried Schumacher, Germanujo*



# Pri kelkaj iniciatoj de ateistoj en la mondo

En la lasta numero de *Ateismo*, tre interesa artikolo raportis la agadon de Sidment (Islanda Etika Humanisma Asocio). Unue, Sidment organizis laikan konfirmacion kaj poste aliajn laikajn ceremoniojn. Finfine, lastan jaron, tiu asocio sukcesis atingi sian ĉefan celon ĉar nun ĝi havas saman statuson kiel la religiaj organizaĵoj.

Sekvinte tiun ekzemplon, aliaj ateaj okazaĵoj plimultiĝis en la mondo.

Komence de la jaro 2013, norde de Londono, du komediistoj Pippa Evans kaj Sanderson Jones fondis la "dimanĉan kunvenon" en malnova duonruiniĝinta preĝejo. Dum la ĉiumonataj kunvenoj, muziko estas miksita kun etikaj pripensoj ofte humuroplenaj laŭ la jenaj principoj : "Kiel eble plej helpu, pli bone vivu, pli entuziasmiĝu". Ekzemple, iun dimanĉon, okaze de temo pri bonvola helpo, la ĉeestantoj kantis "Help" de Beatles, poste la komediistino rakontanta siajn proprajn komikajn spertojn ridigis ĉiujn. Anstataŭ la klasika « Ite misa est », la demando « Kiu deziras teon ? » finas la diservon ... Pli kaj pli sukcesas tiu "dimanĉa kunveno" ĉar la fondintoj asertas ke multaj ateistoj sin sentas izolitaj en la urboj kaj bezonas aparteni al komunuma grupo.

Tiu ideo de "preĝejo sen dio" naskis novajn spertojn en Usono. En cirkaŭ kvardek urboj plinombriĝis vastaj preĝejoj sen dio kie la nekredantoj regule kunvenas, diskutas pri sociaj aŭ filozofaj aktualaj temoj laŭ siaj principoj (samkiel en Anglujo) "Pli bone vivu, ofte helpu, vian penson pliprofundigu". Dum tiuj kunvenoj, la devenoj de la gvidantoj estas diversaj : ekspastro fariĝinta fervora ateisto en Baton Rouge, kelkaj anoj de ateaj asocioj en San Diego ... La ateaj kunvenoj okazas ĉiudimanĉe aŭ ĉiumonate laŭ la urboj sed la celo restas ĉiam la sama : al la nekredantoj doni bonan okazon renkontiĝi kun la samideanoj por ke, amike ĉirkaŭataj, ili sin montru kaj ne plu estu nekonataj.

Kompreneble, nepras debati ĉiujn novajn okazaĵojn en la atea rondo : ĉu tiu movado longe daŭros ? Ĉu la agado de Sidment kapablos plenigi la truon en la morala edukado de la infanoj kiun aludis Anna Lowenstein en la numero 14 de *Ateismo* ? Ĉu la preĝejoj sen dio malantaŭenigos la religiojn do, konsekvence la militojn en la mondo ? Espereble ...

El *Ateismo* 05-2012 11-2013, *Huffpost* 11-03-2013, *Le Point* 24-06-2013, *Ouest-France* 12-12-2013

*Josiane Ferrand, Francujo*

# Barbaraj religioj

Antaŭnelonge, dana registaro leĝe deklaris ke, en la buĉejoj, estos devige svenigi la bestojn antaŭ ilia buĉado.

Tuj du kristanaj religioj kontestis tiun decidon : ili volis absolute buĉi la bestojn vivantajn, konsciajn. Stranga koncepto por religioj kiuj sin prezentas kiel religioj de amo !

*Jean Marin, Francujo*

# La „Dek Ordonoj“

Ne malofte aŭdeblas opinio, ke ankaŭ por nereligiemaj homoj devus validi iom eksplicita morala regularo, kaj ofte en tiu kunteksto estas menciataj la bibliaj „dek ordonoj“. Oni ja koncedas, ke la unua parto de la listo rilatas al religia kulto kaj do por „nekredanto“ estas pli-malpli sensignifa, sed asertas, ke la dua parto ja ordigas la rilatojn inter la homoj kaj do estas respektinda regularo ankaŭ por senreligiuloj. Per la sekvanta artikolo mi volas iom pritrakti tiujn „dek ordonojn“ kaj diskonigi kelkajn demandojn kaj problemojn, kiuj tiurilate aperas.

## *Teksto kaj fontoj*

En du lokoj de la Torao prezentiĝas la teksto : Eliro (Eli.) 20,1-17 kaj Readmono (Rea.) 5,6-12. La diferencoj inter ambaŭ alineoj estas ege malgrandaj. La originaj versioj estas skribitaj en Hebrea lingvo ; mi ĉi-sube prezentas la tekston pli-malpli laŭ la Zamenhofa traduko :

1 Kaj Dio diris ĉiujn sekvantajn
vortojn :

2 Mi estas JHWH, via Dio, kiu
elkondukis vin el la lando Egipta, el
la domo de sklaveco.
3 Ne ekzistu ĉe vi aliaj dioj antaŭ
Mi.
4 Ne faru al vi idolon, nek bildon
de io, kio estas en la ĉielo supre aŭ
sur la tero malsupre aŭ en la akvo
sub la tero ; 5 ne kliniĝu antaŭ ili kaj
ne servu ilin ; ĉar mi, JHWH, via
Dio, estas Dio *ĵaluza*, kiu la
malbonagon de la patroj punas sur
la idoj en la tria kaj kvara
generacioj 6 ĉe miaj malamantoj, kaj
kiu faras favorkoraĵon por miloj al
miaj amantoj kaj al la plenumantoj
de miaj ordonoj.
7 Ne malbonuzu la nomon de
JHWH, via Dio ; ĉar JHWH ne
lasos senpuna tiun, kiu malbonuzas
lian nomon.
8 Memoru pri la tago sabata, ke vi

tenu ĝin sankta. [9] Dum ses tagoj laboru kaj faru ĉiujn viajn aferojn ; [10] sed la sepa tago estas sabato de JHWH, via Dio ; faru nenian laboron, nek vi, nek via filo, nek via filino, nek via sklavo, nek via sklavino, nek via bruto, nek via fremdulo, kiu estas inter viaj pordegoj ; [11] ĉar dum ses tagoj JHWH kreis la ĉielon kaj la teron, la maron, kaj ĉion, kio estas en ili, sed en la sepa tago li ripozis. Tial JHWH benis la tagon sabatan kaj sanktigis ĝin.

[12] Respektu vian patron kaj vian patrinon, por ke longe daŭru via vivo sur la tero, kiun JHWH, via Dio, donas al vi.

[13] Ne *murdu*.

[14] Ne adultu.

[15] Ne ŝtelu.

[16] Ne parolu kontraŭ via proksimulo malveran ateston.

[17] Ne deziru la domon de via proksimulo ; ne deziru la edzinon de via proksimulo, nek lian sklavon, nek lian sklavinon, nek lian bovon, nek lian azenon, nek ion, kio apartenas al via proksimulo.

(Rea. 5, 21:) Kaj ne deziru la edzinon de via proksimulo ; kaj ne deziru la domon de via proksimulo, nek lian kampon, nek lian sklavon, nek lian sklavinon, nek lian bovon, nek lian azenon, nek ion, kio apartenas al via proksimulo.

## *Rimarkigoj pri la formo de la teksto prezentita*

La altigitaj nombretoj indikas la „versojn“ laŭ la tradicia nombrado de Eli., *ne* la sinsekvon de la „ordonoj“ (pri tio : vidu poste). Principe mi sekvis la tradukon de Zamenhof, escepte de jenaj ŝanĝoj : la dian nomon Zamenhof ĉiam redonis per „La Eternulo“. Tio estas interpreto, ne traduko ; mi skribis ĉiam „JHWH“. La kutima vokaligo estas „JaHWeH“, sed tio ne estas certa. La etimologio de la nomo ne estas klara ; kutime oni derivas ĝin de la hebrea verbo „HJH“ („esti“). Sed individuan nomon oni ne povas „traduki“.

En verso 5 mi skribis „Dio *ĵaluza*“, ne kiel Zamenhof, „Dio severa“. La Hebrea adjektivo uzata tie ĉi signifas en aliaj bibliaj kuntekstoj „ĵaluza“.

En verso 13 mi skribis „Ne *murdu*“, ne kiel Zamenhof, „ne mortigu“. Pri tio mi donas komenton pli poste.

En la fino de la listo mi metis la version de Rea. apud tiun de Eli.; la kialo estas indikita poste.

## *Gramatikaĵoj*

En la Hebrea lingvo ekzistas klara distingo inter singulara kaj plurala „vi“ – *kaj* en la pronomoj mem *kaj* en la verba morfologio. En la supre tradukita teksto ĉiuj formoj estas *singularaj*. – Imperativaj formoj

ekzistas en la Hebrea lingvo, sed nur sen neigo. Neigita ordono, do malpermeso, estas formata en la „jusiva“ modo kun neigo. La „jusivaj“ formoj ĝenerale koincidas kun la formoj de la indikativa „imperfekto“ (tempo, per kiu estas esprimataj ĉiuj agoj kaj eventoj nepasintaj). Same kiel en la antikva Greka kaj en la Latina lingvoj, ankaŭ en la Hebrea ekzistas du neigoj : *„lo“* por konstatoj kaj *„al“* por ordonoj, postuloj kaj deziroj. Neigitaj „jusivaj“ formoj kutime havas *„al“*, sed laŭ la gramatiko de la biblia Hebrea lingvo „ĝenerala“ malpermeso, speciale se la parolanto estas dio, estas neigata per *„lo“*. Tio signifas, ke ekzemple la ordono „ne ŝtelu !“ ankaŭ estas tradukebla per „vi ne ŝtelos“ au „vi ne ŝtelas“ ; do anstataŭ ordono ĝi povus esti ankaŭ prognozo au konstato. Tio ŝajnas esti nura teorio, sed atentindas, ke la du antikvaj tradukoj de la Torao, „Septuaginta“ (Greka) kaj „Vulgata“ (Latina), tradukas „laŭvorte“ : „οὐ κλέ ψεις“ kaj „non furtum facies“ (ambaŭ signifas : „vi ne ŝtelos“).

Ĉiuj „jusivaj“ formoj estas *virgenraj*, same kiel la posesivaj indikoj (ekz. „via Dio“, „via filo“ ktp.), en la Hebrea esprimitaj per sufiksoj. Ĝenerale en la Hebrea la formoj de la dua persono singulara estas malsamaj depende de la genro. La adresato de la „Dek Ordonoj“ do estas vira persono.

## *Religia stato de la „ordonoj“*

Laŭ la biblia rakonto temas pri revelacio de JHWH, kiu okazis sur la monto *Sinai* (aŭ *Horeb*) dum ĉeesto de Moseo. La unuan fojon Dio mem skribis la tekston sur ŝtonajn tabulojn, la duan fojon, post kiam Moseo estis detruinta la unuajn tabulojn, Dio diktis al li la leĝojn, kaj Moseo skribis. Poste li proklamis tiun leĝaron, la „dek vortojn“ (Eli. 34,28), al la popolo. La Torao ja ampleksas multe pli da leĝoj kaj ordonoj, sed la „dekalogo“ (Greke : *„deka logoi*“: „dek vortoj“) ĉiam estis rigardata kiel kerno de la dia leĝaro.

## *Nombrado kaj disdivido*

Unuavide la supre skribita teksto ŝajnas enhavi pli ol dek ordonojn kaj malpermesojn. Sed ĉar jam en la Torao mem tiu listo estas nomata „dek vortoj“, la „dekalogo“ estis disdividita en dek partetojn, sed laŭ malsamaj kriterioj. La nombrado do, iom strange, dependas de la religio, ĉar diversaj religiaj komunumoj varie ordigis tiun leĝaron por atingi suman nombron „dek“.

Jen superrigarda tabelo laŭ la Germanlingva „Wikipedia“, gvidvorto „Zehn Gebote“ (http://de.wikipedia.org/wiki/Zehn_Gebote) ; la traduko de la enhavo estas mia verko :

<table>
<tr><th>TEMO</th><th>Judoj</th><th>Anglikanoj, Reformitoj, multaj „liberaj“ eklezioj</th><th>Ortodoksoj, Adventistoj</th><th>Katolikoj</th><th>Luteranoj</th></tr>
<tr><td>memprezentado de JHWH</td><td>1</td><td>prologo</td><td rowspan="2">1</td><td rowspan="3">1</td><td rowspan="3">1</td></tr>
<tr><td>malpermeso de fremdaj dioj</td><td rowspan="2">2</td><td>1</td></tr>
<tr><td>malpermeso de bildoj</td><td>2</td><td>2</td></tr>
<tr><td>malpermeso de malbonuzo de Dia nomo</td><td>3</td><td>3</td><td>3</td><td>2</td><td>2</td></tr>
<tr><td>ordono pri sabato</td><td>4</td><td>4</td><td>4</td><td>3</td><td>3</td></tr>
<tr><td>ordono pri gepatroj</td><td>5</td><td>5</td><td>5</td><td>4</td><td>4</td></tr>
<tr><td>malpermeso de murdo</td><td>6</td><td>6</td><td>6</td><td>5</td><td>5</td></tr>
<tr><td>malpermeso de adulto</td><td>7</td><td>7</td><td>7</td><td>6</td><td>6</td></tr>
<tr><td>malpermeso de ŝtelo</td><td>8</td><td>8</td><td>8</td><td>7</td><td>7</td></tr>
<tr><td>malpermeso de falsa atesto</td><td>9</td><td>9</td><td>9</td><td>8</td><td>8</td></tr>
<tr><td rowspan="2">malpermeso de deziro</td><td rowspan="2">10</td><td rowspan="2">10</td><td rowspan="2">10</td><td>9 (edzino)</td><td>9 (domo)</td></tr>
<tr><td>10 (domo kaj posedaĵoj)</td><td>10 (edzino kaj posedaĵoj)</td></tr>
</table>

La granda komplekso de „seksumaj pekoj“, ekzemple, por kelkaj kristanoj do rilatas al la sepa ordono, por aliaj al la sesa.

Pli nedetala ordigo ŝajnas evidenta : La tuto divideblas en du partojn. La unua, „kulta“, enhavas religiajn ordonojn, la dua, „socia“ koncernas la kunvivadon de la homoj. Pro tio tre multaj bildoj, kiuj prezentas Moseon kiu ricevas la tekston de la dek ordonoj, montras *du* ŝtonajn tabulojn en la brakoj de Moseo.

Rimarkinde estas, ke la unuaj tri aŭ kvar „ordonoj“ (ĝis temo „sabato“) estas eksplicite klarigitaj. La posta

ordono, kiu rilatas al la gepatroj, per „por ke“-propozicio indikas celon, do eble ian pravigon — la cetero estas simplaj ordonoj sen iuj ajn pliaj indikoj.

## *Komentoj*

### *JHWH kaj aliaj dioj*

JHWH emfazas, ke li realigis por „sia“ popolo tiom da bonfaroj, ke li meritas esti adorata kiel *sola* popola dio. Laŭ tiu kompreno aliaj dioj ja ekzistas, sed JHWH, la dio de Izraelo, estas „ĵaluza“ dio ; do li ne toleras adoradon de aliaj dioj fare de „sia“ popolo. Iuj bildoj ankaŭ (kaj precipe) de JHWH ne estu farataj, ĉar tipa eco de li estas, ke li estas „viva“, dum la aliaj dioj estas „mortaj“, ĉar ili konsistas el ŝtono, ligno aŭ argilo. En siaj revelacioj JHWH sin prezentas kiel nevideblan, sed danĝere potencan estaĵon. La „kesto“, kiun la Izraelidoj devis fari laŭ liaj ordonoj (El. 25,10 ktp.), estis kaj ujo por la ŝtonaj tabuloj kaj trono de JHWH. Okaze li eĉ luktis kun aliaj dioj, ekzemple kun la Filiŝta dio Dagon – la sankta kesto (evidente kun JHWH sidanta sur ĝi) estis portita en la sanktejon de Dagon, kaj la sekvintan matenon la bildo de Dagon estis ĵetita sur la grundon kaj disrompita – la nevidebla, „viva“ dio do venkis sian ŝtonan „kontraŭulon“ (I Sam. 5, 1-5). Nevidebla dio evidente ne povas esti detruita.

Tiuj du ordonoj, malpermeso de adorado de aliaj dioj kaj malpermeso de bildfarado, evidente estas tre ligitaj unu kun la alia.

### *Dia nomo*

Konsekvenco de la ordono, ke la nomo de dio ne estu malbonuzata, estis la strikta regulo, ke tiu nomo neniam estu eĉ prononcata. Voĉlegante la „sanktajn skribojn“ oni anstataŭigis tiun nomon per *„adonaj“* (laŭvorte „miaj sinjoroj“). Kiam al la hebrea teksto origine skribita nur per konsonantoj vokalaj signoj estis aldonataj, la konsonantoj JHWH ĉiam ricevis la vokalojn de *„adonaj“*, por ke neniu leganto forgesu, kion li devis diri tiuloke. Per laŭlitera mislegado de tiu kombinaĵo pli poste cetere ekestis la nomo *„Jehowah“ (*aŭ *Jehova)* ; ĝi estas do rezulto de miskompreno.

Sed pri kia „malbonuzo“ de la dia nomo temas ? En pekokatalogoj publicitaj de la katolika eklezio oni trovas sub kategorio „sanktaj nomoj“ pekojn kiel *„blasfemado“* kaj *„sakrado“*. Sed origine la temoj „bildfarado“ kaj „dia nomo“ estis certe tre proksimaj unu al la alia : en magia mondpercepto iu persono kaj ties bildo kaj ties nomo estas identigeblaj, kaj homo eventuale per dia bildo aŭ nomo provis manipuli la dian „personon“. Ekzistas fakte antikvaj „malbenaj surskriboj“ (plej ofte en plumbaj tabuletoj, kiujn oni fose profundigis en la teron), en kiuj

troviĝas la nomo „Jahou“ (ankaŭ „Iaou“) – supozeble derivita de JHWH. Provoj per magiaj teknikoj manipuli „dian volon“ multnombras ; kredeble ankaŭ JHWH estis okaze celo de tia manipulado. Sed la pastra elito, kiu prizorgadis la „sanktajn skribojn“, certe ne volis, ke iuj privatuloj uzu „dian povon“ por siaj propraj celoj.

***Gepatroj***

La vortumado de la prigepatra ordono rimarkindas. Ĝi ne entenas neigon, kaj ĝi enhavas promeson de rekompenco. Senteblas etiko sur bazo de reciprokeco, kiu memorigas pri „asekura“ principo: *Se vi respektos viajn gepatrojn, viaj gefiloj ankaŭ respektos vin, kaj do vi longe vivos sur la tero.* – Laŭ iom pli vasta kompreno temas pri la „ora regulo“. Ĝi estas tre varie vortumita ; ĝia esenco estas : *Traktu la homojn tiel, kiel vi volas esti traktata de ili.*

***Mortigo / murdo***

Ofte oni aŭdas ke „la Biblio“ komplete malpermesas mortigadon, sed fakte la situacio estas ne tiel klara. La Torao mem ja enhavas multajn leĝojn, kiuj enhavas mortpunojn, sed ankaŭ la teksto de la dekaloga ordono ne estas unusignifa. „Normalaj“ hebreaj verboj por „mortigi“ estas QTL aŭ HRG, sed en la dekaloga ordono troviĝas RZĤ. Tiu verbo havas kromsignifon de speciale perforta agado ; do „murdi“ estas principe taŭga ekvivalento. Ankaŭ *Septuaginta* ne uzas la „normalan“ grekan verbon („ἀποκτείνειν“), sed tradukas „οὐ φονεύσεις“ („vi ne *murdos*“). Analoge la Germana „Unueca (interkonfesia) traduko“ de la biblio vortumas „Du sollst nicht morden !“ („Vi ne murdu !“). Zamenhof, tradukante per „Ne mortigu !“, eble enmetis en la dekalogon pli da pacismo ol ĝi fakte enhavas.

Sed „Ne murdu !“ enhave estas tamen ankaŭ nekontentiga. Laŭ PIV „murdi“ signifas „intence krime mortigi“; do la verbo mem jam implicas, ke la ago estas malpermesata. „Ne murdu“ do estas pli-malpli taŭtologio ; la ordono kiel tuto ne enhavas pli da informoj ol la nura verbo.

***Adulto***

La ordonoj de la dua („socia“) parto temas pri damaĝoj – korpaj aŭ posedaĵaj – al aliaj homoj. Escepto estas fakte la malpermeso de adulto : Per libervola seksumado principe okazas nek difektado nek damaĝo. Ke tia ordono aperas en „socia“ kunteksto, montras, ke edzino estas rigardata kiel havaĵo de la edzo, kaj ke adultanto do per „nepermesita“ seksumado senvalorigas posedaĵon. Eventuale la morala principo „Ne kaŭzu eviteblan doloron !“ povas esti rigardata kiel morala bazo por malpermeso de adulto, sed unue ne estas certe, ĉu la „viktimo“ vere sentas

doloron, kaj due tre malfermitas la difino de „nenecesa“. Infano, kiu vivas unue kiel sola ido de siaj gepatroj, sed poste ekhavas frateton aŭ fratineton, certe sentos doloron, ĉar ĝi ne plu ĝuas plenan amon de siaj gepatroj. Tiu doloro ja principe estas evitebla – sed ĉu pro tio gepatroj ne havu pli ol unu infanon ?

La opinio, ke adulto estas krimo, estas tamen tre disvastigita, ne nur per historia influo de la biblia dekalogo. Jure adulto en Germanio oficiale estis krimo ĝis 1969, en Aŭstrio eĉ ĝis 1997.

### *Falsa atesto*

En ĝeneraligitaj versioj kaj en pekokatalogoj la malpermeso de falsaj atestoj estas transformita al „Ne mensogu !“ La originalo tamen videble rilatas al la jura kaj tribunala sfero ; „simpla“ mensogado en privata kunteksto ne estas koncernata per tiu ĉi ordono.

### *Deziro*

Kredeblas, ke la malpermeso de „deziro“ ne koncernas nurajn pensojn aŭ fantaziojn, sed certe konkretajn klopodojn aŭ strebojn ion havigi al si.

En tiu ĉi ordono je la fino de la listo speciale videblas problemoj de nombrado : en la tekstoversio de Eli. „edzino“ aperas nur dualoke inter aliaj havaĵoj, sed en la versio de Rea. ŝi havas la unuan lokon. Apogante sin sur tiu teksto la „katolika“ nombrado povis establi „deziradon de edzino de proksimulo“ kiel aparte malpermesitan agon, certe por doni al la edzino iom pli elstaran lokon en la listo. Tamen tio ŝajnas iomete arbitra ; la kunteksto tute ne esprimas egalrajtecon. Ekzemple la ideo, ke ankaŭ virino povus „deziri“ la edzon de alia virino, eĉ ne aperas.

## *Konkludoj*

La „kultaj“ ordonoj, kvankam ili estas malpli multnombraj, tamen estas sufiĉe ampleksaj. Evidente tiel, dia volo estas prezentata kiel potenca kaj nepre plenumenda, kaj ĝi minace radias ankaŭ al la „socia“ parto de la dekalogo. Se oni tute neglektas la „kultan“ parton, oni ricevas regularon, kiu ja iel taŭgas kiel bazo de interhoma kunvivado, kies enhavoj tamen ŝajnas foje iom arbitraj, foje kompletigendaj kaj ne ĉiam evidentaj. Temoj gravaj por ni nuntempaj homoj estas tute ne menciitaj : respekto por homoj ĝenerale, toleremo, protekto de individua aŭtonomio, de politika libereco kaj de la medio. Krome ĝenas principe, ke la „ordonoj“ direktiĝas nur al viroj. Kontraŭdiro ofte aŭdebla estas, ke oni devas konsideri la socian kaj historian fonon de la bibliaj tekstoj. Tio ja trafas, se temas pri filologiaj esploroj ; sed celo de tiu ĉi artikolo ja ĉefe estas pristudi, ĉu la dekalogo povas funkcii ankaŭ *nuntempe* kiel etika regularo.

Entute leviĝas la demando, ĉu etiko

bezonas eksplicitajn regulojn ordigitajn laŭ „enhavaj“ temoj, ĉu ne sufiĉas bazaj principoj kiel la „ora regulo“ aŭ la postulo, ke oni ne kaŭzu nenecesan doloron aŭ suferon. En konkreta situacio oni ja ĉiuokaze devas taksi siajn eblojn, pripensi la konsekvencojn de la intencita ago kaj decidi laŭ la cirkonstancoj.

Alia ofte diskutata problemo estas, kiel moralaj postuloj povas ricevi devigan karakteron. Unuavide en la kazo de la biblia dekalogo, se oni konsideras ĝian originan kuntekston, la respondo ŝajnas simpla : la ordonanto estas tre potenca instanco ; li minacas je gravaj punoj, se iu volas ne obei. Motivo por obeado do estas timo – aŭ eble speciala komplezemo aŭ sindonemo rilate al dio. Kiel ajn ŝajnas, ke emocia rilato al dio (negativa aŭ pozitiva) ne estas taŭga bazo por moralo, ĉefe tial, ke ĉiam la rilato al dio principe pli gravas ol la rilato al alia homo. Sed se mi ekzemple batis aŭ lezis mian najbaron, mi responsas rilate al li, ne rilate al iu dio.

Sed ĉu timo entute estas taŭga kaj dezirinda motivo ? Ekzistas ja la opinio, ke ĉiuj homoj tuj fariĝus abomenindaj krimuloj, se ili ne kredus je dio potenca kaj ĉioscianta. Fakte la homa historio tion malpravigas, ĉar plej kruelaj krimoj estas faritaj en la nomo de iu „dia volo“. Krome tute klaras, ke volo de „neperceptebla dio“ ne povas esti racie analizata kaj do estas fakte interpretebla kaj manipulebla laŭplaĉe de pastroj kaj politikaj potenculoj.

Sed se dio estas neata, kio restas ? Tiom evidenta la „socia“ parto de la dekalogo ne estas, ke ĝi konvinkus per si mem. Ni do prefere fidu al aliaj motivoj, ekzemple ke ĉiu homo volas esti respektata kaj ŝatata de siaj kunuloj, kaj ke li aŭ ŝi volas esti akceptata membro de la socio, en kiu li aŭ ŝi vivas, kaj ke tiu socio fariĝu pli kaj pli homema.

En tiu senco, regularoj kiel la dekalogo aperas apenaŭ utilaj, eble eĉ tute superfluaj.

*Winfried Schumacher, aprilon 2014*

# Maloportuna hazardo

La 27an de aprilo du papoj, Johano XXIII kaj Johano Paŭlo II, estis deklaritaj sanktuloj en ceremonio entuziasme raportitaj de ĉiuj gazetoj kaj televidaj servoj. La amaskomunikiloj iom malpli entuziasme raportis pri embarasa afero, kiu okazis tri tagojn pli frue : ke grandega kruco en norda Italujo, starigita honore al Johano Paŭlo II, falis kaj mortigis katolikan pilgrimon.

La italaj novaĵprogramoj kutime raportas pri akcidentaj mortoj okazintaj en Italujo, precipe se ili estas iom strangaj aŭ notindaj. Sed pri la falo de la kruco ili preskaŭ tute

silentis, tiel ke oni tre facile povus entute maltrafi la fakton, ke tio okazis.

La falo de la kruco ĝuste en tiu tago kompreneble estis hazardo, aŭ pli ĝuste, ĝi verŝajne ŝuldiĝis al misa inĝenierado. La kruco estis elegante kurbita antaŭen, kaj ĉe la pinto estis statuo de Jesuo, kiu pezis 600 kg. Supozeble la statuo estis tro peza por strukturo kurbita laŭ tiu maniero. Sed se oni kredus je tiaj aferoj, oni povus supozi, ke tio estas signo de dia malfavoro kontraŭ la sanktuligo de Johano Paŭlo. Ĉu tial la italaj amaskomunikiloj preferis kiel eble plej malmulte tiri la publikan atenton al tiu maloportuna okazintaĵo ?

*komunikis*
*Anna Lowenstein*

Antaŭe :



Poste :



## La franca Jezuito kaj la ĉina imperiestro

Ĉi tiun relative mallongan verkon de Voltaire (Voltero), André Cherpillod tradukis kaj publikigis sub formo de dulingva broŝuro, nome en la franca kaj en Esperanto. La tradukinto mem prezentas tiun spritan dialogon imagitan de Voltero, inter ĉina imperiestro kaj iu jezuito :

*Tio estas ja konata afero ke Voltero tute ne aniĝis al la ateismo de Diderot aŭ de d'Holbach. Sed la « supera estulo » de Voltero havas nenian bezonon de ia religio fabrikita de la homoj, kun dogmoj, ritoj, superstiĉoj, riĉa kaj hierarkia klerikaro. Tiu dio atendas de la homoj nur unu aferon : ke ili praktiku la justecon kaj la*

*toleremon. Kaj tiu dio estas tiel malproksima, ke eĉ ateisto, esence tolerema, akceptas lin sen malfacilo.*

*Dum sia tuta vivo, Voltero ne ĉesis uzi sian erudicion por lukti kontraŭ la maltoleremo de la romankatolika Eklezio, maltoleremo kaŭzata de orgojlo, kian oni povas taksi satana. Efektive, kiel klarigi, ke individuo volas trudi al la tuta tero sian vidpunkton, se ne pro tio, ke li estas certa, ke li posedas LA veron ?*




*Tiu dialogo de Voltero ne estas vaste konata, kaj tio estas bedaŭrinda, ĉar ĝi tre bone resumas la pozicion de Romo. Ĝiaj « atakaj trupoj », la jezuitoj, organizitaj kiel armeo, havas celon nur unu : trudi sian religion al la tuta mondo. Kial ? Frato Rigolet diras tion tute klare : « mia religio estas la sola vera, ĉiuj ĉinoj, japanoj, hindoj, ktp, estos damnitaj ».*

*Evidentiĝas de tiu dialogo, ke la plej gravaj malbonoj, kiuj frapas la homaron, venas de la monoteismaj religioj, ĉar ili kredas sin neeraripovaj.*

Vere utila estas la legado de « La franca Jezuito kaj la ĉina imperiestro ». La traduko estas klara, simpla, nu konsilinda eĉ al komencantoj. Mi tamen riproĉas la uzon de la pronomo « ci », kiu neutile ĝenas la legadon. Mi sentas la emon mense anstataŭigi ĝin per la normala « vi ». Nu tio koncernas amason da tradukaĵoj el la franca lingvo. Sed krom tiu riproĉeto, mi legis la tekston kun intereso, plezuro kaj eĉ amuziĝo.

Evidente la vidpunkto de Voltero estas diskutebla. Ĉu lia kredemo povas iel kongrui kun vidpunkto de ateistoj, kiel asertas la enkonduko de la libro ? Pri tio mi dubas. Sed ni rekonu ke en la dekoka jarcento, tia denunco de la Eklezioj, supozigis kaj kuraĝon kaj klerecon.

*Christian Rivière*

ISBN 978-2-36620-017-1
48 paĝojn ; 3 eŭrojn
Aĉetebla ĉe diversaj libro-servoj aŭ ĉe la aŭtoro mem :
Eldono *La Blanchetière*
72320 Courgenard, Francujo




## ATEO

## bezonas novan simbolon !

La simbolo de ATEO estas, aŭ ĝis nun estis, grafikaĵo prezentanta atomon, kun interne la Esperanta stelo. Tiu grafikaĵo – tamen sen la verda stelo ! – fariĝis vaste uzata simbolo por ateismo. Ĝi baziĝas sur “la atomo de Rutherford”, kiu montras la orbitojn de elektronoj ĉirkaŭ nukleo.

Laŭ la angla vikipedio, la simbolo estas uzata de la organizaĵo Amerikaj Ateistoj por montri, ke “nur per scienca analizado kaj libera, senlima informserĉado, la homaro povas strebi al pli bona vivo”. La suba parto de la centra orbito restas malfermita por reprezenti la fakton, ke dum ateistoj analizas la mondon per la scienca metodo, restas multaj nerespondItaj demandoj, kiuj ankoraŭ postulas esploradon – alivorte por montri, ke necesas ĉiam plu scivoli kaj demandadi, ne supozante, ke oni jam havas pretan klarigon de ĉiuj fenomenoj. Tiu rompita centra orbito en si mem formas literon “A” = ateismo.

La centra majuskla A rilatas al la lando de la koncerna organizaĵo, do la A signifas ne “ateismo”, kiel oni nature emas supozi, sed “Ameriko”. ATEO do eraris, metante tiun A internen de la stelo : ni tiam devus meti aŭ E aŭ nenion. (Cetere, la nomo Ameriko en ĉi tiu kunteksto supozeble rilatas aŭ al Usono aŭ al Nord-Ameriko. Mi dubas, ke la asocio reprezentas ankaŭ la sud-amerikajn landojn !)

Kiu legas la anglan povas legi pri la simbolo en la angla Vikipedio, sub la titolo “Atomic whirl”. Legante mem tiun artikolon, mi estis ŝokita vidi jenan informon: “Amerikaj Ateistoj posedas la kopirajton de tiu simbolo”. Elektante tiun simbolon, kiu nun estas konsiderata internacia simbolo de ateismo, la estraro de ATEO tute ne imagis, ke ĝi malatentas kopirajton ! Tial necesas nun elpensi novan simbolon por ATEO. Ni invitas niajn legantojn sendi siajn proponojn. Ne gravas, se vi ne estas grafikisto : ĉefe ni serĉas bonan ideon, kaj povos prizorgi la grafikan aspekton poste, se necese. Ni aperigos proponitajn simbolojn en nia novembra numero, kaj invitos niajn membrojn voĉdoni por la plej taŭga.

# Ateismo

organo de ATEO

Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro : ateismo@orange.fr

Por informoj : **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org
via del Castello 1, 00036 Palestrina, Italujo

*Prezidanto :* **Roland Schnell**, Germanujo
*Vicprezidanto :* **Dominique Simeone**, Francujo
*Sekretario :* **Anna Löwenstein**, Italujo
*Kasisto :* **Dieter Rooke**, Svislando
*Redaktoro :* **Christian Rivière**, Francujo



*Jarkotizo :* *10 € por A-landoj*
*8 € por B-landoj*

*Konto* ***ateo-y*** *ĉe UEA*